# INTERNACIA ĴURNALISTO

n-ro 1/91









Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)




**Kiam alvenos paco en Jugoslavio?**

*„Lasta defendanto" titolis la fotografo tiun ĉi bildon de maljunulo en kroatia vilaĝo. Pri ĵurnalistaj kondutoj dum la interna milito legu la artikolon sur paĝo 10.*

## ENHAVO

*KOLOFONO*


## INTERNACIA ĴURNALISTO
Organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)
Aperas 4foje dum jaro.
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-8900 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen


ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio

Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio

Ĝenerala Sekretario: Evgeni GEORGIEV, Baĉo Kiro 35/II, BG-1202 Sofia, Bulgario

Kasisto: Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Cittadella (PD), Italio

Estraranoj:
Davor GRGAT, Paiĉeva 21, YU-58000 Split, Jugoslavio

Walter HABERL, Radio Wien ORF, Esperanto-redakcio, poŝtfako 700, A-1041 Wien, Aŭstrio

Lech KOSIENIAK, ul. Piekna 16 b/9, PL-00539 Warszawa, Pollando

Stano MARĈEK, Sobotské nám. 6, CS-058 01 Poprad, Ĉeĥoslovakio

Vasilij STANOVIĈ, str. Samborska 78, kv. 34, Lvovskaja oblastj, SU-293720 Drogobic, Sovetio

# OFICIALAJ INFORMOJ

## de la TEĴA-estraro

### Pri la financoj de TEĴA

Ĉi tiun unuan numeron de la nova serio de IĴ ricevas
1. ĉiuj membroj registritaj en la disponeblaj listoj de TEĴA;
2. ĉiuj kunlaborantoj de l' magazino MONATO;
3. ĉiuj redaktoroj de E-revuoj, pri kies adresoj ni disponas.

Povas esti, ke iuj gekolegoj estas registritaj du- aŭ eĉ trioble en tiuj listoj. Ilin ni petas, averti la adminstracion (FEL - adreson vidu sube) pri tio.
Ĉar ni ankoraŭ ne scias, kiun kotizon ni estonte devos postuli, ni petas ke vi ne pagu ion por la jaro 1991, konkrete do por ĉi tiu numero de IĴ. Supozeble la kotizo estos sub 20 germanaj markoj jare, sed precizan sumon ni ankoraŭ ne scias - kaj krome ĝin devos fiksi la membroj mem. Tial ni petas (vidu sube), ke vi pagu provizore por 1992 - se vi povas - laŭ viaj ebloj, por ke ni povu financi nian agadon.
Kompreneble donacoj estas tre bonvenaj! Precipe per ili ni provos kovri la elspezojn por ĉi tiu numero de IĴ.
Kontrolu, ĉu via adreso sur la koverto estas ĝusta; se ne, resendu la adresoslipon kun viaj korektoj al FEL.

# ANONCETOJ

**Prezo: por 1 linio 0,30 germanaj markoj - Por membroj de TEĴA unu anonceto (ĝis 10 linioj) jare estas senpaga.**
**Pri prezoj de aliaj anoncoj kaj reklamoj petu prezoliston de l' redakcio.**

**MANLIBRO PRI ĴURNALISMO**
Ĉu vi jam konas ĉi tiun bazan verkon, kiun devus havi ĉiu esperantisto, kiu redaktas, verkas, informas en kaj pri la internacia lingvo? Ĝi prezentas tutan faskon da informoj kaj konsiloj pri ĉiuj ĵurnalistaj sekcioj. *Judith Junger* metas la teorian bazon, por kompreni kaj ĝuste taksi la komplikan meĥanismon de l' giganta komunikada sistemo, kaj por metode aliri verkadon. *Stefan Maul* el sia multjara sperto donas la necesajn praktikajn konsilojn por bone uzi la instrumentaron de l' ĵurnalismo.
Mendu ĉe FEL; prezo: 210 belgaj frankoj + sendkosto.

*

**Ĉu interesas vin politiko?** Se jes, ni invitas vin kunlabori ĉe grava projekto: Manlibro pri Politiko. Temas pri verko, kiu en leksikon-simila formo prezentos bazajn informojn pri politiko kun ĉiuj ties sekcioj. La projekto jam progresis konsiderinde, sed la prilaboranta teamo estos danka pri ĉiu plia kunlaboranto. Petu informojn ĉe l' redaktoro de la manlibro: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-W-8900 Augsburg, Germanio.

*

**Se vi volas amuziĝi** kaj ŝatas ironion, satiron kaj vortludojn, ni povas rekomendi al vi la iom nekutiman verkon VORTAJ (A)LUDOJ de Stefan Maul. Ĉe FEL 180 belgaj frankoj.

# MEMBROKOTIZO
## de TEĴA por 1 jaro:

***momente nekonata***
*(La estraro ankoraŭ ne povis proponi al la membrokunveno novan kotizon. Tial ni petas tiujn, kiuj povas, ĝiri provizore sumon laŭ propra takso; ni konsilas, pagi minimume 10 germanajn markojn aŭ egalvaloron.)*
Por ĝiri membrokotizojn aŭ donacojn al TEĴA bonvolu atenti la apudajn indikojn pri pagmanieroj al FEL, kiu enkasigas la kotizojn de TEĴA-membroj.

**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉekoficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Petu al via poŝtoficejo fari internacian poŝtmandaton je nomo de Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi al ni tian ĉekon. La valuto devas esti la belga franko (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi via bankkartnumero. Se unu el la du lastaj postuloj ne estas plenumita, la banko subtrahos 225 BEF pro la bankkostoj;
- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon kaj menciu la sumon en belgaj frankoj. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo ĉe UEA estas fela-x;
- Se vi havas kurantan konton ĉe FEL, en kiu estas bonhavo, faru nenion. Ni simple subtrahos la necesan sumon de via bonhavo;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la usona dolaro (USD). Pri la kurzo de la dolaro unue informiĝu ĉe via banko;
- Se vi posedas kreditkarton *Eurocard, Access, Visa, Fujicard* aŭ *Mastercard*, eblas pagi citante la numeron kaj la validodaton de la karto. Se vi mencias tiujn okaze de la mendo, ne aldoniĝos kostoj. Se vi sciigas ilin nur post ricevo de la fakturo, aldoniĝos 5% pro administraj kostoj;
- Se vi ne povas pagi laŭ unu el la sep supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi pli:
  - Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron por la bankkostoj;
  - Sendu al ni internaciajn respondkupojn maldekstre stampitajn. Unu respondkupono egalas al 25 BEF.

Por limigi la bankkostojn, vi povas pagi pli altan sumon. La tro pagita mono eniros konton vian, pri kiu vi povas disponi por estontaj mendoj.
Pagante bv. nur mencii vian FEL-kodon kaj la fakturnumeron (troveblan sur la fakturoj). Bv. ne ripeti la mendon.

# Ni bezonas ĉies helpon kaj kunlaboron por reaktivigi nian asocion

**Alvoko de la nova TEĴA-prezidanto Stefan Maul**

*Estimataj gekolegoj,*

unue mi devas kaj volas danki al tiuj gekolegoj (ĉu vi jam rimarkis, ke inter ni estas tre malmultaj ĵurnalist*in*oj?), kiuj dum la ĵus okazinta TEĴA-kunveno en Bergeno elektis min kiel novan prezidanton. Ke ili (vi) fidas, ke mi en la sufiĉe ĥaosa situacio, en kiu nun troviĝas nia fakasocio, sukcesos revivigi la organizaĵon, komprenеble estas por mi kialo de fiereto, sed ankaŭ sprono por pravigi tiun vian fidon. Reciproke mi fidas ne nur al miaj kunestraranoj, sed al vi ĉiuj, ke laŭeble energie vi subtenos min kaj la tutan estraron en ĉi tiu strebado al revivigo de tradiciriĉa asocio.

**Averto**

Tamen mi nepre devas averti nin ĉiujn, ke ni ne konstruu nun nubokastelojn, sed estu realismaj: post la plurjara stagno en TEĴA ni klare konsciu, ke daŭros longan tempon, ĝis kiam ni atingos normalan funkciadon de l' asocio, por tute ne paroli pri grandiozaj celoj. Unue ni devos krei solidan bazon por nova agado, kolekti fortojn kaj ideojn, (re)aktivigi gekolegojn, entuziasmigi ilin por foje ja tedaj taskoj, sen kiuj ne eblas progresigi fakasocion per vigla vivo.

**Problemoj**

Ekzistas en tio pluraj problemoj. Ekzemple mi tute ne estas certa, ĉu la elektoj por la nuna estraro entute estas validaj - kaj ĉu do mi mem estas legitima TEĴA-prezidanto. La ĝis nun valida statuto en multaj partoj estas tiom malklara kaj nebula, ke oni ne klare povas respondi ĉi tiun demandon. Do ĉiuj en Bergeno elektitaj estraranoj povas labori nur laŭ provizora komisio, supozante ke ili agos almenaŭ laŭ la celoj de l' asocio kaj la interesoj de la membroj. Pro tio ni nepre devas laŭeble plej rapide havigi al TEĴA novan statuton kaj post ties aprobo rekonfirmi la nunan estraron aŭ elekti novan. Alia tre grava problemo estas, ke ni tute ne scias precize, kiu el vi fakte estas orda membro kaj kiu ne - katastrofa situacio por asocio, kiu pretendas demokratiecon. Pro tio necesos ankaŭ, komplete reregistri la membrojn, kun tute novaj kaj demokratie validaj aliĝiloj: ke per tio ni devas ĝeni vin, tion mi ja tre bedaŭras, sed certe vi komprenas, ke ni devas fari tion por pluagadi kaj progresi.

**Danko**

Ni ne estu maljustaj: TEĴA pasinttempe havis sian centron de aktivado en Bulgario. La tieaj gekolegoj en la kadro de siaj eblecoj faris, kion ili povis kaj rajtis. Pro tio ili meritas nian dankon. Sed la rezultoj, kompreneble, estis pli ol modestaj, se oni aplikas mezurilojn de demokratiaj landoj. Nun, post la ŝanĝoj en orienta Eŭropo kaj do ankaŭ Bulgario, ni ne plu povas atendi energian agadon tie. Do aliaj gekolegoj en aliaj landoj devas pluporti la torĉon - kaj mi forte esperas, ke ni trovas tiajn torĉoportemulojn!

**Urĝaj taskoj**

Kion do konkrete kaj unue ni devas fari? Plej grave estas, ke ni havigu al TEĴA novan, demokratian kaj taŭgan statuton, sen kiu estraro ne povas sukcesplene labori. Ni ellaboris proponon de nova statuto, kiun vi trovas en ĉi tiu unua numero de rekreita INTERNACIA ĴURNALISTO. Kompreneble ni volas perforti neniun kaj bezonas do demokratian decidon pri ĝi. Ĉar ne eblas havigi pri ĝi decidon de membrokunveno, ni proponas ke vi sendu viajn proponojn de modifoj, kritikojn kaj komentojn, tiel ke en la venonta numero de INTERNACIA ĴURNALISTO ni povos aperigi eventuale modifitan (kaj eble definitivan) proponon por referendumo inter la membroj de TEĴA. Por ke ĉiu klare sciu pri la ŝanĝoj, ni aperigas ankaŭ la ĝis nun validan statuton por komparo.

Samtempe ni devas peti, ke ĉiu el vi plenigu novan aliĝilon de TEĴA, kiun ni presas en ĉi tiu numero de l' nova INTERNACIA ĴURNALISTO. Ĉar la ekzistanta listo de l' membroj estas tute nefidinda, ni devas insisti pri tio, se ni ne volas poste rikolti riproĉojn pri nedemokratieco. Problemo en tiu ĉi afero estas tamen, ke ni ankoraŭ ne povas indiki, kian kotizon ni devos estonte postuli por TEĴA; do ni devas peti vin eĉ, ke vi *blinde* (kiom rilatas la financojn) subskribu la aliĝilon. Vi ja estos poste libera, eksiĝi se vi ne konsentos pri la decidoj tiurilataj.

Al tio ni ligas enketon inter la membroj jamaj kaj estontaj pri atendoj, esperoj, proponoj kaj sugestoj direktitaj al nia fakasocio. Per tio ni volas eltrovi, kiudirekte ni agadu estonte. Kore mi petas vin, zorgeme plenigi ĉi tiun enketilon, por ke ni - la estraro - havu klarajn direktivojn de l' membraro.

**Peto pri donacoj**

Alia grava problemo de TEĴA estas, ke male al la antaŭa situacio, kiam praktike la bulgara E-movado subvenciis la agadon de l' asocio kaj fakte ja senpage distribuis la organon de TEĴA, nun ni devas zorgi pri solida financa bazo. Ĉar la kaso de TEĴA estas absolute malplena, mi mem donis al ĝi personan krediton por ebligi novan starton. Sed tio ne povas esti pordaŭra solvo de l' problemo. Dum ni ankoraŭ ne scias, kiom da membroj entute ni havos kaj kiom da mono eniros la kason el la kotizoj ankoraŭ fiksendaj, mi tutkore petas la okcidentajn, iom pli bonhavajn gekolegojn helpi al TEĴA per mondonacoj. En tio ni montru precipe solidarecon al niaj gekolegoj en orienta Eŭropo, kiuj nun baraktas je nova ekzistado, kaj tiuj en landoj de l' tria mondo, kiuj pro konstantaj malfavoraj cirkonstancoj ne kapablas elspezi monon por membreco en TEĴA.

►

### Varbu novajn membrojn!

En la momento, kiam mi verkas ĉi tiujn liniojn, mi tute ne scias kiom da membroj havas nia asocio. Sed ŝajnas al mi, ke pro la mizera stato de TEĴA en pasinteco multaj geredaktantoj kaj geverkantoj de E-revuoj tute ne sciis pri ties ekzisto kaj ne estis membroj; aliaj, kiuj ja konis la asocion kaj ties (tiaman) revuon, ne emis aliĝi aŭ aliĝinte rezignaciis poste, ĉar ili devis esti nekontentaj pri la servoj de TEĴA.
Estus do nun grave, ke ni varbu kaj revarbu membrojn por la asocio. Efektive ja ĉiu ajn redaktoro kaj redaktanto de iu ajn revuo, bulteno, gazeto, fakrevuo aperanta en la internacia lingvo kaj de E-radioprogramoj devus esti membro de TEĴA, same ĉiu esperantisto, kiu pli-malpli regule verkas por periodaĵoj, ĉiu esperantisto kiu profesie laboras en neesperantista ĵurnalisma medio. Mi opinias ekzemple, ke ĉiu landa kaj faka asocio devus pagi al la redaktor(in)o de sia organo la membrokotizon por TEĴA, ĉar el tio profitas ne nur la koncerna redaktanto, sed kompreneble ankaŭ la asocio mem.
Do atentigu ĉiujn, kiujn tio koncernas, pri TEĴA kaj ties utilo!

### Perspektivoj

Kompreneble, estimataj gekolegoj, en la momento mi ne povas promesi al vi iujn orajn ovojn por la estonteco de reaktivigenda TEĴA. Sed mi estas konvinkita, ke – se ni ĉiuj solidare kunagadas – ni sukcesos fari la asocion utila kaj efika, en la intereso de l' membroj kaj de Esperanto. Ni strebu fari nian asocion kaj interne kaj en eksteraj rilatoj forta kaj progresa laŭ la celoj indikitaj en la statut-propono. Ĝuste nun, kiam en Eŭropo intensiĝas la kontaktoj inter okcidenta kaj orienta partoj, ni esperantistaj ĵurnalistoj povas servi ne nur al la ĝenerala pacigo kaj interkompreniĝo, sed aparte ankaŭ al perado kaj helpo en nia profesia medio. Ni kaptu ĉi tiun ŝancon kaj ekspluatu ĝin, por la bono de ĉiuj!
Tamen ni restu en tio realismaj kaj modestaj; ni povos atingi niajn altajn celojn nur, se ni solidigas la asocion. Kaj tio unue postulas multan bazan laboron ŝajne banalan. Ju pli rapide ni plenumos ĉi tiujn ordinarajn taskojn, des pli rapide ni povos aliri la pli altajn celojn.

Mi petas la helpon de ĉiu el vi por tio!

*Stefan Maul*

**RERIGARDO**

## De stagno al nova estraro

**Pri la evoluo en TEĴA la ordinaraj membroj scias preskaŭ nenion, escepte eble de tiuj, kiuj ĉeestis la lastajn kunvenojn de l' asocio en Brajtono kaj Bergeno. Tial jen ni raportas koncize, kio okazis dum la pasintaj jaroj.**

La konataj ŝanĝoj en orienta Eŭropo trafis la tieajn esperantistojn, kiel oni scias, neatendite. Pro la grandparte ĥaosa evoluo kaj precipe pro la ŝanĝo de strukturoj sociaj kaj ekonomiaj multaj E-organizaĵoj fariĝis viktimoj de l' eventoj: ili perdis siajn bazojn kaj parte eĉ disfalis.

### Revuo ne plu aperadis

Tio validas ankaŭ por Bulgario, kie sidis la aktivuloj de TEĴA. Nenio plu bone funkciis kaj pro ekonomiaj kialoj – manko de monrimedoj antaŭe disponigitaj per ŝtata subvencio – ankaŭ la organo de l' asocio ĉesis aperi; la lasta numero de INTERNACIA ĴURNALISTO datas el la jaro 1988!
Estis unu el la plej gravaj aktivuloj de TEĴA, kiu komence de 1991 provis revivigi la asocian vivon, *Donĉo Ĥitrov*, tiama ĝenerala sekretario. Li turnis sin al *Stefan Maul*, ĉefredaktoro de MONATO, kun la demando kaj peto pri kandidatiĝo kiel nova prezidanto de TEĴA. Li priskribis la ĥaosan situacion de praktike ne funkcianta estraro kaj manko de rimedoj. Maul ne riskis tuj akcepti kandidatecon kaj petis de Ĥitrov unue detalojn kaj materialon pri la asocio. Bedaŭrinde lia letero ne plu atingis kolegon Ĥitrov, kiu mortis post operacio. Sed li antaŭe estis informinta sian bulgaran kolegon kaj TEĴA-estraranon *Evgeni Georgiev* pri la afero. Tiu nun daŭrigis la kontakton al Maul kaj disponigis la bezonatajn informojn kaj materialojn, precipe la statuton de la asocio. Intertempe estrarano *Dino Fabris* kun la helpo de *Olav Thormodsen*, honora prezidanto de TEĴA, preparis membrokunvenon dum la UK en Bergeno.

### Kondiĉoj de Maul

Maul interkonsiliĝis kun brita kolego *Paŭlo Gubbins*, kiu deklaris sin preta kunlabori en nova estraro. Do definitive Maul konsentis kandidatiĝi kiel prezidanto, tamen sub certaj kondiĉoj. Li adresis al la membrokunveno en Bergeno leteron, el kiu ni citas:

„Estimataj kolegoj,
Surbaze de la ricevitaj informoj kaj konsiloj mi do estas nun preta, kandidati kiel prezidanto de TEĴA, tamen sub jenaj kondiĉoj:

1. Mi akceptas elekton nur, se oni elektus kiel estraranon ankaŭ s-ron Paŭlo Gubbins. Li estas grava kunlaboranto de MONATO kaj disponas pri bonaj kontaktoj al la brita ĵurnalisma medio. Lia kunagado estus tre grava por krei kaj teni kontaktojn al internaciaj ĵurnalistaj asocioj, por kio lia scio de l' angla lingvo estas tre helpa.
2. Oni nepre devas revizii la nunan statuton de TEĴA kun la celo, demokratiigi ĝin kaj ebligi realisman kaj efikan agadon; tiucele mi ellaboris proponon, kiun mi ĉemetas.
3. Nepre membro-administrado kaj presado/ekspedado de Internacia Ĵurnalisto transiru al FEL/Grafika Centro.
Krome mi proponas nepre elekti s-ron Evgeni Georgiev kiel estraranon por la funkcio de ĝenerala sekretario kaj la aparta tasko, teni kontaktojn al orienteŭropaj ĵurnalismaj medioj.

Do. por diri ankoraŭfoje tute klare: nur se la supre nomitaj kondiĉoj estas plenumitaj, mi estas preta fariĝi prezidanto de TEĴA, ĉar sen tio mi vane aktivus kaj nur malŝparus mian tempon."

En la dua parto de sia letero, Maul skizis la perspektivojn de la asocio, emfazante i. a.: „Ni esperantistoj povas proponi niajn bonajn eblecojn por servi al pli bonaj kontaktoj inter okcidentaj kaj orient-eŭropaj ĵurnalistoj." Li krome deklaris sin preta, doni al TEĴA krediton necesan por nova starto kaj produkti la unuajn numerojn de la revuo.

**La kunveno en Bergeno**

La membrokunvenon dum la UK en Bergeno ĉeestis, sub gvido de prezidanto *Walter Haberl* kaj Dino Fabris 30 ĵurnalistoj. Oni informis, ke en Sofio mortis ankaŭ *Ivan Keremidĉiev-Esperov*, vicprezidanto de TEĴA kaj ĉefredaktoro de INTERNACIA ĴURNALISTO.

Oni prezentis al la kunveno la leteron de Maul kaj la statuto-proponon. La kunveno akceptis kaj oni do elektis novan estraron (vidu sur paĝo 2).

---

# Por diskutado inter la membroj

**Ni aperigas ĉi-sube kaj la ĝis nun validan statuton de TEĴA kaj la proponon por nova statuto. Tiel ĉiuj membroj povas kompari ambaŭ tekstojn, vidi kiujn ŝanĝojn, aldonojn kaj ellasojn havas la nova kompare al la malnova. Supozeble tre multaj membroj tute ne konis la validan statuton. Ni precipe klopodis, doni al la nova statuto demokratiajn principojn; kaj**

**ni petas, ke ankaŭ vi atentu precipe tiujn punktojn en la teksto, kiuj ligiĝas al demokratieco.**
**La reglamenton por la estraro ni ankoraŭ ne ellaboris; por tio ni volas atendi la definitivan formon de la statuto proponota al voĉdonado. Sed kompreneble ĝustatempe ni aperigos ankaŭ proponon por la reglamento en *Internacia Ĵurnalisto*.**

**Ni petas vin sendi viajn kritikojn, proponojn kaj sugestojn al**

**Stefan Maul, Pferseer Str. 15,**
**D-W-8900 Augsburg,**
**Germanio**

**tiel ke via letero atingu lian adreson plej malfrue la 1an de decembro 1991.**

## S T A T U T O

### de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

La Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA) estas fondita en 1948 dum la 33a Universala Kongreso de Esperanto en urbo Malmö, Svedio. TEĴA estas unu el la unuaj fakaj organizaĵoj, establita post la Dua Mondmilito kiel asocio de la ĵurnalistoj-esperantistoj. Ĝi estas profesia, neŭtrala kaj krea organizaĵo, akceptita de UEA kiel kunlaboranta asocio.

### I. CELOJ, TASKOJ KAJ RIMEDOJ DE TEĴA

TEĴA reprezentas la kreajn interesojn de la ĵurnalistoj-esperantistoj per sia estraro antaŭ la ŝtataj, sociaj, kulturaj organoj, organizaĵoj kaj institutoj, kaj kontribuas por la konstanta altigo de la krea nivelo de la esperantista ĵurnalismo konforme al la bezonoj de la E-movado, zorgante pri la konstanta kvalifiko de siaj membroj.

TEĴA eldonas sian oficialan organon „Internacia Ĵurnalisto" kaj laŭbezone ankaŭ aliajn preseldonaĵojn kaj helpilojn.

### II. MEMBRECO EN TEĴA

Membro de TEĴA rajtas esti ĉiu profesia ĵurnalisto-esperantisto laboranta en esperantista amaskomunikilo – gazeto, radio, televido – aŭ kiu konstante kunlaboras al esperantistaj kaj neesperantistaj amaskomunikiloj por propagando de Esperanto kaj E-movado kaj membras en ĵurnalista E-organizo, sekcio aŭ grupo. La membroj de TEĴA subtenas la neŭtralecon de TEĴA kaj UEA. Ne rajtas membri en la asocio la ĵurnalistoj, kiuj per siaj agoj kaj materialoj propagandas interpopolan, nacian kaj rasan malamon kaj militon. Ĉiu membro de TEĴA,

kiu ne plenumas la statutajn devojn kaj kompromitas la asociajn principojn estas forigata el la vicoj de TEĴA aŭ punata laŭ la grado de sia kulpo. La punoj al membroj, proponataj de landaj sekcioj kaj grupoj estas konfirmataj de la Centra Estraro de TEĴA. Pri la plej pezaj punoj decidas la plej proksima ĝenerala asembleo de TEĴA aŭ perletera pritrakto kaj decido.

Pri la akcepto de ĉiu nova membro decidas la landa sekcio de TEĴA laŭ la propono de la landa aŭ loka sekcio aŭ grupo de TEĴA kaj estas konfirmata de la Estraro de TEĴA kaj en iuj okazoj – de la ĝenerala konferenco de TEĴA dum kongreso de UEA.

En TEĴA membras: la landaj (naciaj) ĵurnalistaj E-organizaĵoj (asocioj, sekcioj aŭ grupoj) kaj individuaj membroj de landoj, en kiuj ankoraŭ ne estas fonditaj organizaĵoj. La membroj de TEĴA rajtas membri ankaŭ en aliaj landaj ĵurnalistaj kaj aliaj organizaĵoj.

## III. GVIDORGANOJ DE TEĴA

1. La supera gvidorgano de TEĴA estas la Ĝenerala Konferenco, kiu okazas post tri jaroj dum UK de Esperanto. Ĝi pritraktas la raporton de la Centra Estraro kaj elektas la estontan Centran Estraron, kiu gvidas la asocion inter du ĝeneralaj jarkunvenoj. Delegitoj de la jarkunveno estas membroj, elektitaj de la landaj organizoj-sekcioj aŭ grupoj. Ĉiu delegito reprezentas minimume 5 ĝis 10 membrojn. Ĉiu delegitaro landa ne povas esti pli multnombra ol 6 rajtigitaj delegitoj. La reprezentantoj, la grupoj pli malgrandaj ol 5 membroj havas nur konsilan voĉon. La decidoj de la jarkonferenco estas prenataj ĉe ordinara voĉplimulto. La Konferenco elektas ankaŭ aliajn helporganojn – kontrolan komisionon kaj aliajn laŭnecese.

La Estraro de TEĴA elektas inter si prezidanton, vicprezidantojn, ĝeneralan sekretarion kaj laŭnecese – aliajn sekretariojn kaj membrojn. La Centra Estraro gvidas la asociajn aferojn kaj zorgas ankaŭ pri la eldonado kaj redaktado de la presorgano de la Asocio. Ĉiu membro rajtas ĉeesti la jarkunvenojn kun konsila voĉrajto. . .La prezidanto de TEĴA reprezentas la Asocion en UEA kaj aliaj institucioj. Se la prezidanto ne povas, lin anstataŭas vicprezidanto. La prezidanto gvidas la organizajn kaj aliajn aferojn sur la kolektiva principo, tenante konstante ligojn kun la vicprezidantoj, sekretarioj kaj membroj de la Estraro kaj kun la ĉefredaktoro de la presorgano. La ĝenerala centra sekretario kune kun la aliaj sekretarioj zorgas pri la organizaj aferoj de la Asocio kaj raportas pri sia laboro antaŭ la prezidantoj kaj aliaj membroj de la financaj aferoj de la Asocio. Unu el la sekretarioj estas samtempe ankaŭ kasisto.

Gravaj aŭ urĝaj decidoj la estraro povas akcepti perletere.

## IV. FINANCAJ RIMEDOJ HAVAĴO KAJ SIDEJO DE TEĴA.

La financajn rimedojn kaj havaĵon la Asocio kolektas per membro-kotizoj abonpagoj, donacoj, vendado de eldonaĵoj k.a. La sidejon de la Asocio decidas la Centra Estraro. Ĝi troviĝas ordinare en la lando, en kiu estas kelkaj estraranoj kaj ĉefredaktoro de la organo „Internacia Ĵurnalisto".

## V. PRI LA HONORAJ MEMBROJ DE TEĴA

Longjaraj estraranoj de asocioj, sekcioj kaj grupoj kaj apartaj membroj pro siaj asociaj meritoj kaj kontribuoj al TEĴA kaj E-ĵurnalismo povas esti nomitaj Honoraj Membroj de TEĴA. Pri tio decidas la jarkunveno de TEĴA laŭ proponoj de landaj estraroj de TEĴA.

## VI. ŜANĜOJ KAJ ALDONOJ AL LA STATUTO DE TEĴA

Pri ŝanĝoj kaj kompletigoj de la asocia statuto decidas la jarkunveno de TEĴA laŭ proponoj de la landaj estraroj, grupoj kaj apartaj membroj, kiuj direktas siajn proponojn an-

ticipe al la estrara sekretario. Ne pli malfrue ol tri monatojn antaŭ la jarkunveno la proponoj devas esti konataj al la membroj, por ke la delegitoj havu eblecon konatiĝi kun ili. Dum la jarkunveno la delegitoj voĉdonas kaj akceptas ilin laŭ ordinara voĉplimulto.

Propono de *Stefan Maul*

# STATUTO

## de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

**PREAMBLO**

Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA). fondita en 1948 en Malmö. Svedio. estas demokratia. profesia. neŭtrala kaj krea organizaĵo. kunlaboranta kun Universala Esperanto-Asocio (UEA). TEĴA klopodas altigi precipe la profesian kaj la etikan nivelojn de ĵurnalismo tutmonde. aparte en evolulandoj, cele al paca. demokrata kaj justa kunvivado de l' homaro laŭ la principoj de la Universala Deklaracio de l' Homaj Rajtoj. Specifa celo konforme al la Esperanto-movado estas progresigi la interkompreniĝon de la popoloj.

1. CELOJ kaj TASKOJ

1.1. TEĴA reprezentas la interesojn de ĵurnalistoj-esperantistoj antaŭ ŝtataj. sociaj kaj kulturaj organoj kaj instituticioj, kontribuas al plibonigo de l' krea povo de esperantistaj ĵurnalistoj kaj provas helpi ilin ĉiamaniere. plenumi siajn taskojn ene de la Esperanto-movado.

1.2. TEĴA tenas kontaktojn al neesperantistaj ĵurnalistaj organizaĵoj por reciproka subtenado kaj por disvastigo de Esperanto en tiuj medioj.

1.3. Perspektiva celo de TEĴA estas instalo de internacia inform-agentejo uzanta Esperanton.

2. RIMEDOJ

2.1. TEĴA. por atingi tiujn celojn. eldonas sian organon ..Internacia Ĵurnalisto" kaj aliajn publikigaĵojn. aranĝas proprajn konferencojn. seminariojn. kursojn k. s. kun laŭebla sciencista akompano: por plej eble efika trejnado de siaj membroj. TEĴA strebas al establo de konstanta ĵurnalisma edukejo ene de unu el la ekzistantaj kulturaj centroj de l' Esperanto-movado. En tiu kadro TEĴA klopodas ankaŭ oferti Esperanto-kursojn por ĵurnalistoj.

2.2. La oficiala lingvo de TEĴA estas la internacia lingvo Esperanto.

3. MEMBRECO

3.1. Membro de TEĴA povas esti ĉiu esperantista ĵurnalisto. profesia aŭ amatora. laboranta ĉu kiel redaktanto ĉu kiel verkanto de gazeto. radiofonio kaj televido kaj ĉiuj aliaj amaskomunikiloj. kiel kino. vidbendo k. a.. esperantistaj kaj neesperantistaj. Ĉiu membro per sia aniĝo agnoskas la celojn kaj la etikan kodon de TEĴA. kiu estas konsistiga parto de l' statuto en ties aktuala formo.

3.2. Membrecon oni akiras per subskribo de koncerna aliĝilo. Oni perdas ĝin. krom per eksiĝo aŭ morto. ankaŭ se laŭ rekomendo de l' arbitracia komisiono la membrokunveno de TEĴA decidas eksigon pro kompromito de la TEĴA-statuto.

3.3. Eblas starigi grupojn. landajn sekciojn kaj specialajn sekciojn de TEĴA; ilin devas agnoski per simpla plimulto la ĝenerala konferenco de TEĴA. Speciala sekcio de TEĴA

estas Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF).
3.4 TEĴA eldonas specialan membrokarton, kiu estas legitimilo por faciligi la laboron de ĵurnalistoj.

4. ORGANOJ
La decidorganoj de TEĴA estas
la membro-kunveno; la estraro; la arbitracia komisiono.
4.1. La supera gvidorgano estas la membro-kunveno, kiu okazas minume ĉiun trian jaron, laŭeble ĉiun jaron, kutime kadre de l' Universala Kongreso de Esperanto (UK). Ĝi elektas ĉiun trian jaron estraron kaj decidas pri la kutimaj aferoj de l' asocio per simpla plimulto; por ŝanĝoj de l' statuto necesas plimulto du-triona. La membrokunveno aprobas la gvidliniojn de la asocia laboro, akceptas la estraran labor-raporton, rajtas senŝarĝi la estraron, starigi kaj nuligi laborkomisionojn. En la membro-kunveno ĉiu ĉeestanta ordinara membro havas unu voĉon. La membro-kunveno aŭ la estraro povas decidi, ke oni aranĝu skriban voĉdonadon de ĉiuj membroj ekster la membro-kunveno.
4.2. La estraro konsistas el minimume 5 anoj: prezidanto, vicprezidanto(j), ĝenerala sekretario, kasisto kaj estraranoj kun specifaj taskoj. La redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" povas, tamen ne devas esti ankaŭ estrarano, sed ĉiukaze respondecas rekte al la estraro. La membro-kunveno elektas la prezidanton aparte, la ceterajn estraranojn ĝi povas elekti bloke; por la elektoj sufiĉas simpla plimulto de l' ĉeestantaj membroj. Reelekto kiel estrarano eblas. La estraro elektas per simpla plimulto inter si la diversajn funkciulojn. La estraro donas al si reglamenton, kiu fiksas la taskojn, rajtojn kaj devojn de l' estraranoj kaj la manieron de kunlaborado.
4.3. La arbitracia komisiono konsistas el 3 personoj, el kiuj maksimume unu rajtas esti ankaŭ estrarano (kutime la prezidanto); ilin la membro-kunveno elektas aparte per simpla plimulto. La arbitracia komisiono devas aktiviĝi je peto de membro aŭ de la estraro kaj nepre en konvena tempodaŭro (maksimume unu monato) akiri replikon je riproĉoj de l' koncerna membro. La komisiono per simpla plimulto devas rekomendi decidon al la venonta membro-kunveno, kiu decidas pri eksigo de la membro akuzita.
4.4. La membro-kunveno elektas krome minimume ĉiun trian jaron (samtempe kun estrarelektoj) 2 kasrevizorojn.

**5. TASKOJ DE LA ESTRARO**
5.1. La estraro gvidas la asociajn aferojn, zorgas pri eldonado de l' organo „Internacia Ĵurnalisto" kaj aliaj publikigaĵoj, pri la administrado, organizas la membrokunvenojn kaj aliajn konferencojn, seminariojn k. s. de TEĴA.
5.2. La prezidanto kaj la vicprezidanto(j) reprezentas la asocion ĉe aliaj esperantistaj kaj neesperantistaj instancoj, asocioj kaj institucioj kaj tenas kontaktojn al ili.
5.3. La ĝenerala sekretario zorgas pri la kontaktoj kaj kunordigado inter la estraranoj kaj plenumas organizajn taskojn laŭ la decidoj de l' estraro kaj ĝenerale helpas la prezidanton en realigado de plenumendaj taskoj, preparas kaj organizas la membrokunvenojn kaj ellaboras jaran agad-raporton.
5.4. La estraro povas fari decidojn ĉu dum kunveno ĉu koresponde.
5.5. Se estrarano eksiĝas inter du membrokunvenoj, la estraro per simpla plimulto povas koopti novan estraranon; la sekva membrokunveno devas aprobi tion aŭ elekti alian estraranon.

**6. FINANCAJ RIMEDOJ, SIDEJO DE TEĴA**
6.1. La bezonatajn financajn rimedojn la asocio kolektas per membrokotizoj, kiujn fiksas la membrokunveno, abonpagoj de „Internacia Ĵurnalisto", vendado de eldonaĵoj, donacoj k. a.

6.2. La asocio ne pagas iujn ajn rekompencojn al estraranoj kaj aliaj funkciuloj, nur repagas ties realajn elspezojn faritajn en plenumo de taskoj. La estraro povas decidi pri pago de honorario/salajro al la redaktoro de „Internacia Ĵurnalisto".

6.3. La organiza jaro egalas al la kalendara jaro.

6.4. Jura sidejo de TEĴA estas - se la estraro ne decidas ion alian - la loĝloko de la ĝenerala sekretario.

## 7. HONORIGOJ

7.1. Multjaraj membroj de TEĴA pro meritoj pri la asocio aŭ Esperanto-ĵurnalismo povas esti nomataj Honoraj Membroj de TEĴA. Pri tio decidas la membrokunveno laŭ proponoj de estraro aŭ membroj.

7.2. La asocio povas starigi specialajn premiojn por distingi ĵurnalistojn aŭ ekzemple akceli junajn talentojn.

## 8. ŜANĜO DE LA STATUTO

8.1. Pri ŝanĝoj, aldonoj kaj kompletigoj de la statuto decidas la membrokunveno per plimulto de du trionoj de la validaj voĉdonoj laŭ proponoj de la estraro aŭ membroj.

8.2. Proponojn oni devas direkti al la ĝenerala sekretario, kiu devas diskonigi ilin en la asocia organo, tiel ke ĉiu membro konu la tekstojn ne pli malfrue ol tri monatojn antaŭ membrokunveno.

8.3. La sama proceduro validas por malfondo de la asocio.

## Aldono al la statuto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalisma Asocio (TEĴA)

*La ĉi-suba etika kodo de ĵurnalismaj principoj estas tiu, kiu aperis en la 2a eldono de Manlibro pri Ĵurnalismo kaj estas parto de l' kontraktoj de kunlaborantoj de MONATO - internacia magazino sendependa.*

*Tiun kodon ellaboris Stefan Maul surbaze de simila kodo de germanaj ĵurnalistaj asocioj. Sed ĉar nun laŭ ties propono por nova statuto de TEĴA la etika kodo estu konsistiga aldona parto de l' nova statuto, ni prezentas ĝin komprenéble kun la statut-propono por diskutado inter la membroj de TEĴA. Jen do la teksto el Manlibro pri Ĵurnalismo:*

## *Etika kodo de ĵurnalismaj principoj*

*Inter la homaj rajtoj estas tiuj de libera informado kaj informiĝado, de libera esprimado de opinioj kaj kritikoj. Sur ĉi tiuj fundamentaj homaj rajtoj baziĝas la ĵurnalisma libereco, kiu devas ne esti malhelpata per iuj ajn limoj. Eldonistoj kaj ĵurnalistoj devas esti sendependaj kaj plenumi siajn taskojn laŭ plej bonaj scio kaj konscienco, ne influitaj de personaj interesoj kaj fremdaj personoj.*

1. Respekto al la vero estas la plej alta principo de ĵurnalismo.

2. Publikigotaj informoj, ĉu tekstoj, ĉu fotoj, devas esti zorgeme kontrolataj rilate la veron. Ilian sencon oni devas nek ŝanĝi nek falsi per prezentado, titolo aŭ bild-klarigo. Dokumentojn oni devas komuniki fidele al ilia enhavo. Ne-konfirmitajn informojn oni devas klare karakterizi kiel onidirojn, supozojn aŭ eblojn. Se temas pri simbola foto, oni klare devas indiki, ke ĝi ne estas dokumenta.

3. Aperigitajn informojn aŭ asertojn, kiuj poste pruviĝas malĝustaj, la koncerna komunikilo devas el si mem reĝustigi tuj kaj en adekvata maniero.

4. Por havigi al si informojn, materialon kaj fotojn, oni devas ne apliki malhonestajn kaj mallojalajn metodojn.

5. Ĉiu ĵurnalisme laboranta persono devas gardi la profesian sekreton, devas ne denunci atestanton kaj devas ne nomi informinton sen ties konsento.

6. Redakciajn publikigojn devas ne influi privataj aŭ komercaj interesoj de aliaj personoj. Oni devas klare disigi redakciajn tekstojn de varbaj kaj reklamaj tekstoj. Reklamaĵoj devas esti klare ekkoneblaj kiel tiuspecaj.

7. La ĵurnalismo respektas la privatan vivon kaj la intim-sferon de l' homo. Nur se privata agado de homo koncernas publikajn interesojn, oni povas diskuti ĝin en amas-komunikiloj. Oni devas severe

kontroli, ĉu per tio estas vundataj la homaj rajtoj de nekoncernatoj.

8. Kontraŭas ĵurnalisman etikon, aperigi nemotivitajn akuzojn, precipe se ili estas malhonestigaj.

9. Artikoloj, kiuj laŭ formo aŭ enhavo povas vundi moralajn aŭ religiajn sentojn de iu grupo, ne konformas al la ĵurnalisma etiko; tio precipe validas ankaŭ por ilustraĵoj kaj karikaturoj.

10. Oni devas eviti neadekvatan sensacian prezenton de perforto kaj brutaleco. Precipe oni atentu protekti junularon kontraŭ tio.

11. Neniu devas esti diskriminaciata pro raso, religio, nacieco aŭ lingvo.

12. Raportado pri kurantaj kriminal-enketoj kaj procesoj devas esti libera de antaŭjuĝoj. Akuziton oni devas ne prezenti kvazaŭ kondamniton antaŭ tribunala verdikto.

13. Ĉe medicinaj temoj oni devas eviti sensacian prezentadon, kiu povus provoki nemotivitan esperon. Esploradoj ne jam finitaj estu prezentataj kiel provizoraj.

14. Neniu eldonisto kaj ĵurnalisto koruptiĝu per akcepto de donacoj kaj avantaĝoj, kiuj povus redukti la liberecon de decido.

15. Altaj idealoj de ĵurnalismo devas esti pacamo, solidareco kun subprematoj kaj defendo de l' homaj rajtoj agnoskitaj de UN.



**JUGOSLAVIO**

## Kiam ĵurnalistoj fariĝas militistaj

**Kun zorgo eksterlandaj kolegoj observis, kiel kaj kiom ŝanĝiĝis la ĵargono de ĵurnalistoj - en ĉiuj amaskomunikiloj - de Jugoslavio adekvate al la pliakriĝo de la bataloj.**

„Vi nun vidas kontribuaĵon de nia militraportisto de la fronto en Slavonio." Per tiaj anoncoj la televidstacio en Beogrado reagis al la kreskanta perforto en la konfliktregionoj de Kroatio, fine de aŭgusto. „Ĉi tie nun regas vera milito," skribis la tutjugoslavia inform-agentejo *Tanjug*. Antaŭe la raportistoj de la televido en Beogrado informis pri la *krizaj regionoj*, kiuj nun subite estis „fokusoj de la milito" aŭ simple „militscenejoj".
Per specialaj raportoj de la *fronto* oni abunde informas aŭskultantojn kaj spektantojn en ĉiuj serbiaj programoj pri la „heroaj agoj" de serbaj batalantoj, kiuj nur kelkajn tagojn antaŭe estis „senarma serba popolo" buĉata de „novfaŝistaj kroataj hordoj".
La raportistoj remalkovras la ĵargonon el la partizanaj bataloj dum la 2a mondmilito, konataj al la publiko el multaj filmoj. Formuloj kiel „liberigita regiono Baranja" aŭ „Kijevo falis" memorigas pri tiu militista ĵargono. „Oni purigis la lokon de malamikoj" - tiutempe temis pri la retiriĝo de germanaj trupoj, nun pri la forpelo de kroataj trupoj kaj loĝantoj. Kaj oni anoncas „la liberigo de orienta Slavonio estas atendebla" - ke ĉi tiu *liberigo* estas okupado pere de serbaj partizanoj, tion la aŭskultanto tute ne plu perceptas.
Sed sur la alia flanko estas same: ankaŭ kroataj amaskomunikiloj uzas tian militistan ĵargonon.

**Kiu scias la veron?**

Kiaj ĵurnalistoj! Pri objektiveco ŝajne ili neniam aŭdis, kaj la veron ili probable ne povas eltrovi. Ne malmultaj el ili, kiuj volis eltrovi la veron, estis murditaj. Se ni komparas kun la ĵus pasinta golfa milito: tie la amaskomunikiloj liveris al ni bildon de higiene pura milito - en okcidento. Oni vidis neniujn murditojn, nur nete vestitajn kaj plaĉajn atakintojn, kiuj reveninte de atakoj en Irako raportis, ke tiom kaj tiom da celoj ili plene trafis, sukcese. Kaj eĉ oni montris filmojn de krozmisiloj, kiuj eksplodigis iujn bunkrojn - la viktimojn la misilo ne filmis, kompreneble, nur la eksplodajn flamojn.
Ankaŭ tiam ni aŭdis tian militistan ĵargonon, tamen el la buŝoj de generaloj. Nun, en Jugoslavio, transprenis tiun ĉi ĵargonon ĵurnalistoj. Libervole, intence? Ĉu ne estas la plej nobla tasko de ĵurnalisto, serĉi kaj raporti la veron, kiom eblas?
sm

## Fantazio de postmorgaŭ

**de Erich Kästner [Eriĥ Kestner]**

Denove venas la milit'. „Ne," diris la inoj pri ĝi,
enŝlosis la virojn sen hezit' jam antaŭ la tragedi'.
En ĉiu land' al garnizon' marŝadis la ina eskort',
kaj ĉiuj en manoj kun baston', eltiris la ulojn per fort'.
Batita estis ĉiu kulpul' responda pri la milit':
ministro, bankier', milit-gajnul' kaj industri-parazit'.
Rompiĝis bastonoj pli kaj pli, silentis la aĉa perfid',
aŭdiĝis ĉie ve' kaj kri', sed nenie estis milit'.

Kaj nun rehejmiĝis ĉiu in' al edzo, filo kaj frat'
kaj diris: jen, de l' milit' la fin'! -
La viroj flanken deturnis sin
pro korprofunda hontad'.

tradukis Joachim Giessner

USONO

## Plej popularaj Esperanto-gazetoj

**Kiuj estas la plej popularaj Esperanto-gazetoj en Usono? Tion esploris *Esperanto USA*.**

Eksa *ELNA Newsletter* (1964-1989) kaj nuna, dumonata, parte anglalingva ĉeforgano de ELNA (Esperanto-Ligo por Norda Ameriko), *Esperanto USA*, estas sufiĉe interesa kaj bonaspekta gazeto de usonaj esperantistoj. En junia numero (1991/4, p. 5), direktoro de ties Centra Oficejo *Mike Donohoo* listigas la 10 plej popularajn Esperantajn gazetojn por membroj de ELNA kaj la nombrojn de membroj, kiuj abonas ilin:

| | |
|---|---|
| Esperanto | 294 |
| MONATO | 116 |
| El Popola Ĉinio | 102 |
| Heroldo de Esperanto | 85 |
| Juna Amiko | 72 |
| Kontakto | 46 |
| Fonto | 43 |
| Brita Esperantisto | 40 |
| Scienca Revuo | 38 |
| Lingva | 33 |

Kompare kun 1990, ankaŭ mendoj de LA JARO (poŝkalendaro de MONATO) kreskegis (de 38 al 150en 1991); ŝajnas ke temas pri fiskaj jaroj) eble pro tio, ke „ĝi estis reklamita en bulteno *ELNA Updotae*. Kaj li daŭrigas: „Entute, krom mendoj de LA JARO, la nombro de abonoj por ĉiuj gazetoj estas 904 por 1991. Pasintjare la nombro estis nur 515."
Tio signifas, ke ĉiu el 1058 membroj de ELNA (stato je 1 de junio 1991) abonas almenaŭ po unu E-gazeton. Tamen al mi ŝajnas, ke abonado de nur 116 ekzempleroj de MONATO en *tuta lando* ne indas al la superŝtato. Mi ne scias, kiom da E-kluboj estas en Usono, tamen laŭ mi, ili ĉiuj jam abonas MONATOn. Do ties alvoko „Se ĉiu Esperanto-Klubo de l' mondo abonus la unikan magazinon MONATO, ĝia ekzisto estus garantiata" (MONATO 1991/5, p. 26) ŝajnas al mi iom maltrafa. Eble ne rifuzante la alvokon, oni krome devus emfazi (almenaŭ en Usono) abonadon de l' magazino de diversaj bibliotekoj, inkluzive universitataj.
Duan fojon sur paĝoj de la sama numero de *Esperanto USA* mencias MONATOn ties redaktoro Donald J. Harlow, kiam li prezentas aŭtoron de granda artikolo „Esperanto kaj E-movado en Sovetunio", „kiun legantoj de MONATO jam konas kiel NikSt - akrevida raportanto pri aktualaj aferoj interne de Sovetunio - ĉi tie kaj ekskluzive al *Esperanto USA* [li] resumas por siaj usonaj legantoj pri la historio kaj nuntempa evoluado de la Esperanto-movado en sia lando".
I. a., eble por la ĉefredaktoro pli malpli kritikaj opinioj pri organizaĵoj kaj unuopuloj, esprimitaj de l' aŭtoro, ŝajnis tiom skandalaj, ke li speciale distanciĝis de ili, deklarante ke ili „kompreneble estas propraj al li, kaj pri ilia valideco via redaktoro ne kompetentas juĝi". Oni diras (eble tio ne estas vero), ke enhavon de la artikolo jam represis anglalingve multaj usonaj ĵurnaloj kaj estraro de UEA pridiskutis ĝin dum speciala *fermita* (sekreta) kunsido dum 76a UK en Bergeno, Norvegio. Sed kompense (oni diras) eldonkvanto de *Esperanto USA* subite duobliĝis. Ĉu tio estas vera? Mi ne kredas.
StiNk.

JUGOSLAVIO

## Esperanto-gazetoj en grava krizo

**Ĉiuj, kiuj memoras la postmilitan esperantistan movadon en Jugoslavio, komparante tiun tempon kun nuna situacio, povas konkludi ke multo ŝanĝiĝis - malboniĝis.**

Pri tio ni ne povas esti kontentaj, oni ion nepre devas fari por plibonigi la situacion kaj - se ne multe plivastigi la movadon - almenaŭ teni pasintan reputacion.
La movado en Jugoslavio (samkiel en la aliaj socialismaj landoj) dum postmilitaj jaroj estis pli multe disvastiĝinta ol nun. Krom aliaj faktoroj, tion multe favoris soci-politika kaj ekonomia klimato. Do ne mirigas, ke tiam aperis nombraj (pri)esperantaj gazetoj. Ni menciu kelkajn: *La Suda Stelo*, revuo socia, kultura, literatura kaj primovada, aperadis plenajn 35 jarojn kun entute pli ol 240 numeroj, kaj estis legata tra la tuta mondo. Krome aperadis *Jugoslavia Esperantisto*, *La Progreso*, *Voĉo* kun fakrevuo *Homo kaj Kosmo*. Kelkaj E-ligoj kaj pli bone organizitaj E-societoj eldonadis siajn gazetojn aŭ bultenojn, ofte dulingvajn: *Tempo* kaj *Zelano* el Zagrebo, *Koko* en Ĝurĝevac, *Velano* en Novi Sad, *Jugoslavia Fervojisto* kaj *Esperanto* en Beogrado, *Ovo* en Zagrebo, *Esperanto* en Split - kaj multaj aliaj, kiuj entute sufiĉe multon faris por diskonigo de la lingvo kaj varbado de novaj adeptoj.
Krom tio Radio Zagreb persiste elsendas en Esperanto kaj la naciaj gazetoj ofte aŭ laŭokaze informas pri E-okazintaĵoj. Ni menciu el la aktiva tempo ankaŭ nomojn de meritaj, aktivaj kaj elstaraj personoj: Lucija BORĈIĈ, Marinke GJIVOJE, Emilija LAPENNA, Jelena MANOJLOVIĈ, Boriŝa MILIĈEVIĈ, Beza POPOVIĈ, Ivo ROTKVIĈ, Tibor SEKELJ, Jelena ŜAPONJIĈ.
Siginfa kaj grava aktiveco daŭris ĝis antaŭ kelkaj jaroj, sed nun ĝi estas modesta. Evidente la movado ne plu progresas laŭ ritmo, al kiu ni estis iam alkutimiĝintaj.

**Nur projekto**

Sur eldona kampo bedaŭrinde hodiaŭ ni notas la solan komunan tutjugoslavian projekton *Jugoslavia Stelo*. El diversaj proponitaj solvoj por ĝia financado neniu trovis ĉies konsenton, kaj la plej granda ŝarĝo (financa kaj alia) kuŝas sur ŝultroj de la eldonisto. Nun aperantajn E-gazetojn ni notas per fingroj de unu mano. Oficiala gazeto de Jugoslavia Esperanto-Ligo estas *Jugoslavia Stelo*, Kroatia Esperanto-Ligo eldonas *Tempo*, Zagreba E-Ligo eldonas *Zelano*, en Novi Sad aperas *Velano* kaj en Ĝurĝevac aperas literatura revuo *Koko*.
Tiuj ĉi kvin gazetoj, el kiuj tamen iuj ne aperas regule, ne sufiĉas. Kvankam mi supozas ke la kondiĉoj por abunda eldonado ŝajne ekzistas, oni preferas proprajn, lokajn, regionajn gazetojn ol unu tutjugoslavian. Kial kaj ĝis kiam? La nuna situacio ne garantias atin-

*(fino sur p. 15)*

# LINGVO

PROBLEMOJ
DEMANDOJ
KONSILOJ

## Pri la termino *ĉefartikolo*

de Claude PIRON

***Rimarko de l' redakcio:*** **Kelkaj kolegoj ekuzis la terminon *editoralo* aŭ *editorialo* por karakterizi enkondukan artikolon en siaj revuoj. Stefan Maul en INTER-MONATO pro tio demandis, ĉu adopti ĉi tiun neologismon. Al tiu demando Bernard Golden detale respondis en la sama bulteno, pledante por enkonduko de la termino *editorialo*. Jen sekvas la rezonado de Claude Piron pri tiu ĉi problemo.**

Laŭ mia subjektiva kaj senpretenda opinio, la demando pri *ĉefartikolo / editorialo* estas nur unu ekzemplo de pli vasta problemo, kiu radikas en la okcidentaj lingvokonceptoj. Jen pro nacilingvaj kutimoj, jeneble pli ofte - pro nesufiĉa fido al sia lingva instinkto, kun rezulta emo kredi, ke kompreno dependas de analizo, kelkaj esperantistoj ne bone rimarkis la diferencon inter afiksa kaj neafiksa uzado de vort(er)o.

La ĝustan signifon de afikso aŭ de afikse uzata radiko oni ne povas difini. Homoj sentas ĝin, iuj frue, jam dum unua kurso, ĉar ili havas ĝustan lingvan instinkton, aliaj post iom longa praktikado, ĉar ili bezonas pli da tempo por konkludi ion nedifineblan el multfoja renkontado. Se oni observas la ĝeneralan lingvouzon, oni rimarkas, ke afiksa kaj memstara uzado havas malsamajn signifojn. *Bonfaru al li!* ne egalas al "Bone faru al li". *Bonvolu* ne signifas "volu en bona maniero". Simile, *grandsinjoro* ne estas "granda sinjoro", nek estas *etburĝo* "eta burĝo". Sed difini precize, kion signifas *bon, grand* kaj *et* en tiuj ekzemploj, estus ege malfacile.

La ĉina tradicia terminologio gramatika baziĝas sur distingo inter t.n. "malplenaj vortoj" kaj "plenaj vortoj", en kiu la pleneco rilatas al la signifa enhavo de la vorto. Tiu terminologio fakte bonege aplikiĝus al esperanto: *de, -as* aŭ *ek-* estus laŭ ĝi "malplenaj vortoj", dum *hom-, kur-* aŭ *dik-* estus "plenaj vortoj". La unuaj estas ĉu gramatikaj elementoj, ĉu vortformiloj, ili precizigas rilatojn; la duaj esprimas konceptojn multe malpli ĝeneralajn, ili precizigas, pri kio vere temas. La unuaj kompareblas al ŝraŭboj, boltoj kaj ĉarniroj; la duaj al la grandaj pecoj, platoj aŭ vandoj, kiuj kunformas la objekton.

Lingvero povas transiri de plena al malplena funkcio, aŭ inverse. *Eta rido* ne estas *rideto*, kaj *ĉemizeto* ne estas *eta ĉemizo*. Kiam *eta* estas uzata kiel vorto (plena vorto), ĝi signifas "malgranda". Sed kiel difini en maniero valida por ĉiuj kazoj, kion *-et-* signifas kiel afikso (malplena vorto)? Tamen sperto pruvas, ke lernantoj senpene memoras la ĝustan signifon de afikshavaj vortoj, kaj ke multaj eĉ povas diveni ĝin, kiam ili renkontas tiujn unuafoje, almenaŭ koncerne la grandan plimulton el tiuspecaj vortoj.

Pro la ĉi-supraj konsideroj mi persone trovas la formon *ĉefartikolo* tute bona en la senco de la franca *éditorial*, de la angla *editorial*. La sama principo, kiel pri la ĵus cititaj *bon-* kaj *-et-*, validas por *ĉef*. Tion tuj konfirmas observo de la normala lingvo. Novjorko tute certe estas la ĉefa urbo de la ŝtato Novjorko, sed ĝi ne estas ties *ĉefurbo*. La ĉefurbo estas Albany. *Ĉu li bremsis sufiĉe?* eble estas la ĉefa verko de Valano, sed ĝi tute certe ne estas *ĉefverko*.

Ne gravas do, ĉu *ĉefartikolo* estas la ĉefa artikolo aŭ ne, nek kion ekzakte oni komprenas sub tiu vorto. Personoj kun sufiĉa praktiko de la lingvo certe sentos, kion la vorto signifas, eĉ se ili ne povos difini ĝin en nekontestebla maniero. Kial? Nu, ĉar nia nerva sistemo estas tiamaniere aranĝita: tiel funkcias la psikolingvikaj leĝoj regantaj komprenon. Se tamen okazas nekompreno ĉe persono, kiu sufiĉe ofte praktikas la lingvon, ĝi plej probable fontas el ia psika meĥanismo, kiu blokas la normalan funkciadon de intuicio aŭ de instinkta deduktpovo. Tiaj blokadoj ĝenerale fontas el manko de sufiĉa fido, el bezono ĉion kontroli kaj regi, el (eble nekonscia) timo. Min ege interesus scii, ĉu iam ajn prezentiĝis kazo de persono, kiu, unuafoje vidinte la vorton *ĉefartikolo*, miskomprenis ĝin. Tro ofte, en similaj aferoj, oni juĝas teorie, anstataŭ observi la realan funkciadon de la lingvo.

Laŭ mia opinio, neniu el la argumentoj de Bernard Golden en *Intermonato* (2/1991) malvalidigas la ĉi-supre prezentitan tezon. Se ili validus, ni devus ĉesi uzi vortojn kiel *ĉefurbo*, *ĉefverko* aŭ *bonfari* en la ĝis nun tute kontentigaj signifoj. Krome, la fakto, ke lingvoj ĉiurilate, fundamente tiel diversaj, kiel la franca kaj la ĉina agas sammaniere, pri la ĵus prezentita psikolingvika leĝo, instigas min kredi min prava. La rolo de *sou-* en la franca *sourire*, "rideti", (< *rire*, "ridi"), aŭ de *chef* en la franca *chef-lieu*, "ĉefloko", same kiel la rolo de *wei* en la ĉina *weixiao*, "rideti", (< *xiao*, "ridi"; komparu *weifeng*, "venteto", < *feng*, "vento") aŭ de *shou* en la ĉina *shoudu*, "ĉefurbo" (komparu *shouxiang*, "ĉefministro", *shoufu*, "ĉefloko", "provinca ĉefurbo") ilustras la universalecon de tia vortformado. Se tiel funkcias nature nia cerbo, kaj se tiel funkcias plej diversaj popoloj en sia lingva esprimado, kial ni kompliku nian lingvon? Tio estus perfidi ĝian spiriton, malpli racian, sed pli universalan, ol imagas teoriuloj.

Claude Piron

## Kiu nova nomo por eksa Sovetunio?

**Tute ne-antaŭvidite, tamen sekve de alia nemulte-antaŭvidita evento, okazis dum la unua semajno de septembro ŝanĝo grava por loĝantoj de unu el la plej potencaj ŝtatoj en la mondo.**

Je ĵaŭdo, la 5a de septembro 1991, la registaro konata ĝis tiam sub la nomo *Sovet-Unio* ŝanĝis sian karakteron kaj adoptis novan nomon. La plej nova ŝtato en la mondo estas nun la *Kuniĝo de Suverenaj Ŝtatoj.*
Plenevidente, bezonata nun estas regnonimo por tiu nova ŝtato. Mi proponas la jenon: **KusuŜto** por esti: KUniĝo de SUverenaj ŜTatoj.
La koncerna adjektivo estu: **kusuŝta**: ne necesas elpensi terminon por civitano de tiu ŝtato, pro tio, ke ĉiu tia civitano estas civitano de unu el la konsistigaj suverenaj ŝtatoj. Decas, tamen, elpensi jam alian terminon: mi proponas: **kusuŝtiano**, por prialudi individuon kiu, senkonsidere pri la genta aparteneco, loĝas en Kusuŝto, kaj estas civitano de unu el la konsistigaj suverenaj ŝtatoj.
Jen la nomoj de tiuj dek du ŝtatoj de Kusuŝto: Armenio, Azerbajĝano, Belruslando, Kvartelio, Kazaĥstano, Kirgizlando, Moldavio, Ruslando, Taĝikistano, Turkmenio, Ukrajnio [rim. de red.: la loĝantoj mem insistas pri Ukrainio], Uzbekistano.
Jam forlasintaj el la antaŭa Sovet-Unio estas la tri tiel-nomataj baltaj landoj: Estonio, Latvio kaj Litovio.
Lorens' MI

Glosaro:
**civito**: aŭtonoma urbo, regiono, provinco, ŝtato aŭ simile, rigardata kiel politika unio; la tuto de la anoj de tia urbo, ŝtato ktp., posedantaj politikajn rajtojn pro ĝi.
**civitano**: homo, ĝuanta politikajn rajtojn pro daŭra, agnoskita loĝado en civito.
**regnonimo**: termino, (propra nomo), elpensita por distingi iun nacion, konsideratan en siaj rilatoj kun aliaj regnoj.
**toponimo**: termino, (propra nomo), elpensita por distingi regionon de la Tero laŭ geografia vidpunkto.

Rim.: en pluraj kazoj, kaj la toponimo kaj la regnonimo estas samaj, ekzemple: Kanado. En aliaj kazoj, tute alie; ekzemple: Arabio (toponimo), Saŭdarabio (regnonimo); Koreo (toponimo), (Suda)-Koreio (regnonimo).

---

# Revolucioj kaj la rolo de la amas-komunikiloj

**Iom post iom oni komencas analizi la fenomenojn, kiuj kondukis en orienta Eŭropo al la konataj revolucioj. Inter tiuj faktoroj grava estis ankaŭ la rolo de l' amas-komunikiloj.**

En demokrataj ŝtatoj oni ofte nomas la informadon pere de l' amaskomunikiloj *la kvara forto* (apud la leĝdona, ekzekutiva kaj justica). La ĵurnalistaro do havas la funkcion kontroli ĉiujn aliajn fortojn kaj informi la publikon pri la agado de la tri gravaj politikaj fortoj en ŝtato. Se iu misfaras, publikigo en la amaskomunikiloj povas faligi la koncernan politikiston.
Tute alie, kompreneble, en totalisma ŝtato, en diktaturoj, kie gazetaro, radiofonio kaj televido estas sub pli-malpli strikta cenzuro. En tiaj reĝimoj la rolo de ĵurnalistoj estas servi al la regantoj, ne al la publiko. Tiel la diktatoroj esperas teni siajn potencojn eterne.
Nu, tio funkcias dum kelka, foje longa tempo. Ekzemple en Ĉinio, kiu estas giganta lando, oni ĝis hodiaŭ sukcesas tranĉi la loĝantaron de veraj, objektivaj informoj, izoli tutan popolon. Tamen, kun la teknika progreso de translimaj komunikiloj - do radiofonio kaj televido - la cenzuro enlanda ne plu utilas. Dum multaj jaroj (kiam regis la tielnomita *malvarma milito* inter okcidento kaj oriento) la diktatoroj provis malhelpi la tansliman informadon, ekz., per ĵamado (perturbado) de okcidentaj radioprogramoj destinitaj por la tiea loĝantaro. Sed, precipe kiam oni ekuzis satelitojn, tio ankaŭ ne plu funkciis.

### Ekzemplo GDR

Draste demonstris tion la ekzemplo de tiama Germana Demokratia Respubliko (GDR), la orienta germana ŝtato. La regantaj komunistoj per ĉiuj rimedoj provis malhelpi, ke la loĝantaro ricevu radio- kaj televid-programojn el okcidenta Germanio. La afero estis komplika, ĉar ja temis pri la sama lingvo kaj do orient-germanoj ne devis kapti iujn specialajn programojn sed povis elekti inter granda nombro de okcident-germanaj radiostacioj kaj pluraj televid-programoj. Teknike ne eblis, ke la reĝimo malhelpu tion komplete. Ja oni persekutis homojn, kiuj havis sur la tegmento antenojn direktitajn al okcidento - sed tio estis vana entrepreno.
Temis ne nur pri tio, ke orient-germanoj abunde povis informiĝi pri la eventoj en okcidento (kaj kompari kun la propagandaj asertoj de l' propraj komunikiloj), sed precipe ja ankaŭ povis ekscii pri tio, kio *vere* okazas en la *propra* ŝtato kaj en la cetera komunisma mondo. Do orient-germanoj ankaŭ informiĝis pri la ŝanĝoj en la diversaj komunismaj ŝtatoj, eksciis pri la reformoj de Gorbaĉov, pri la eventoj en Pollando, Hungario, Ĉeĥoslovakio ktp. Kaj per tio la propra, betonkapula reĝimo de partiestro Honecker [Honeker] perdis pli kaj pli sian kredindecon ĉe l' popolo. Kiam komenciĝis la amasa fuĝado de GDR-anoj al Hungario kaj Prago, kompreneble la restintaj GDR-anoj vidis la raportojn en televido kaj aŭdis la informojn en radio - la grundo por la revolucio estis preparita. Kiel oni scias, tiu ĉi germana revolucio venis rapidege.

### Cenzuro kaj samisdato

Kie ekzistas cenzuro de gazetaro kaj aliaj amaskomunikiloj, ĉiam ankaŭ ekzistas provoj eskapi ĝin. Nekontentaj homoj

kaj disidentoj iel sukcesas preskaŭ ĉiam, kaŝe pretigi informilojn kaj gazetojn, kiujn en Sovetio oni nomas *samisdato*. (En Ĉinio estas la konataj *murgazetoj*.) Kiam Gorbaĉov ekis siajn reformojn de supre, li ŝajne kredis ke en tia reformado helpos lin la amaskomunikiloj, se li tenas la cenzuron kaj do per la partia komunikilaro povas propagandi siajn ideojn. Sed la paŝoj al demokratiigo kuraĝigis kompreneble ankaŭ disidentojn kaj baldaŭ la cenzuro estis preskaŭ senutila. Aliflanke la cenzuron malatentis same konservativuloj en la komunisma partio, kiuj kontraŭis la reformojn: ili ankaŭ eldonis proprajn gazetojn aŭ uzis la partiorganojn por propagandi siajn ideojn, nekonformajn kun la *oficiala* linio de Gorbaĉov.

**Eraro de puĉistoj**

Unu el la eraroj de la puĉistoj de aŭgusto 1991 en Moskvo estis, ke ili ne sufiĉe energie tranĉis la eblojn de amaskomunikiloj. Precipe ili forgesis pri la eksterlandaj ĵurnalistoj en Moskvo, kiuj povis senĝene daŭrigi sian laboron kaj do informi la vastan mondon pri la eventoj kaj - plej grave - pri la tuja kaj kuraĝa rezisto de Boris Jelcin kaj la popolo. Krome la puĉistoj ne malebligis, ke Jelcin povis diskonigi siajn paroladojn per loka radiostacio sendependa.
Kiom gravaj estas amaskomunikiloj en tiaj procezoj kaj konfliktoj, montras la fakto, ke ĉiam subpremantoj aŭ revoluciantoj unue provas konkeri centralojn de televido, radio kaj gazetaro, kiel tion faris la fifamaj OMON-trupoj (nigrabereruloj) en Litovio. En Moskvo la puĉistoj ne devis konkeri la centralon de televido, ĉar ĝi ja estis jam sub partia regado: ankaŭ la oficiala inform-agentejo TASS diskonigis nur la mesaĝojn kaj ukazojn de l' puĉistoj, kaj kompreneble same agis la parti-organo *Pravda* (vero). Inverse, tuj post la venko de l' kontraŭpuĉistoj Jelcin kaj aliaj malpermesis la gazeton *Pravda* kaj reorganizis televidon, poste ankaŭ la informagentejon TASS. Ili ĉiuj nun ekiras sur la vojo al sendpendeco kaj do eble iam estos la *kvara forto*. *Pravda* provis eviti la sorton de definitiva malpermeso, el si mem ŝanĝante sian strukturon: la redakcio asertis, ke ĝi ne plu estos parti-organo (ja eĉ ne povus, ĉar la partio estis malpermesita) sed sendependa gazeto.

**Serĉi novan identecon**

Niaj kolegoj en la ekskomunismaj landoj nun staras antaŭ la nekutima por ili kaj granda tasko, nove difini sian laboron kaj trovi novan ĵurnalistan identecon. Ili ja lernis ion tute alian ol postulas demokratieco, ili do devas ankaŭ konstrui novajn strukturojn, lerni novajn manierojn de laborado. Ili ne plu ricevas pretajn tekstojn, kiujn ili simple presigas aŭ per radio kaj televido diskonigas, sed nun devas mem verki, mem serĉi kaj reserĉi, mem enketi kaj kontroli, intervjui per neobeemaj demandoj ktp. ktp. Ĉu ni povas helpi ilin en tio? Krome estus bone, se tiuj kolegoj mem analizus la antaŭan situacion, por lerni el ĝi. Mia nuna artikoleto nur povas iom skizi - el distanco - la fenomenojn kaj problemojn. *Ili* povas multe pli bone, detale kaj funde fari tion. Kiu komencas?
Stefan MAUL

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-W-8900 Augsburg
FR Germanio

---

## ESPERO

**Pri la estonta agado de TEĴA skribas estrarano Davor GRGAT, Jugoslavio:**

Okaze de via elekto kiel prezidanto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio, mi elkore salutas vian elekton kaj gratulas vin pro via elekto kiel la unua ĵurnalisto de la Esperanto-movado.
Vi estas konata aktiva ĵurnalisto kaj mi esperas, ke vi daŭrigos tiun aktivadon kiel nia prezidanto - por efektivigo de niaj noblaj celoj: defendo de la monda paco, mediprotektado, paco, kunlaborado inter homoj kun malsamaj soci-politikaj konceptoj por la disvastigo de Esperanto en la tuta mondo.
Mi bondeziras al vi fortan sanon kaj viglecon en via estonta laboro.

## MANKOJ

**Pri la gazetara servo dum la UK en Bergen skribas Dino FABRIS, Italio:**

Dum la UK en Bergen, per mallonga diskuto, oni plendis pri kelkaj mankoj ĉe la Gazetara Servo, ekzemple ke oni ne disponis pri skribmaŝinoj por ĵurnalistoj, kiuj volas sendi artikolojn al siaj naciaj gazetoj. Oni akcentis ankaŭ la laboron kaj helpon, kiujn TEĴA devus oferti al la Gazetara Servo mem (kaj, kompreneble, laŭ antaŭa kontakto kun UEA kaj la KKS) dum la UK por ĉiuj servoj kaj deĵoroj de tiu fako dum la kongreso. Estis ankaŭ persono, kiu proponis ke la ĵurnalistoj devus kunporti komputilon anstataŭ uzi kaj kunporti skribmaŝinon. Krome, venante al UK, TEĴA-anoj devus esti pretaj kaj disponeblaj transdoni informojn al siaj gazetoj.

*Komento de S. MAUL:* Ĉar mi mem kunlaboris ĉe la gazetara servo dum la UK en Aŭgsburgo 1985, antaŭ la kongreso la norvegaj kolegoj petis de mi konsilojn, sed mi ne havis tempon por detale informi ilin. Estus bona servo de TEĴA, kolekti la spertojn kaj konsilojn de tiuj gekolegoj, kiuj jam organizis gazetaran servon, kaj - kunlabore kun UEA - kompili per tiu materialo manlibreton aŭ dosieron por estontaj kongresoj. Kiu pretas transpreni ĉi tiun taskon?

***

***Ĉi tie estas spaco ankaŭ por via letero!***
*Kompreneble, en ĉi tiu unua numero ni ne disponas pri veraj leteroj de legantoj kaj membroj. Sed estas klare, ke ĉi tiu rubriko fariĝu vera forumo de ĉiuj gekolegoj por diskutadi niajn aferojn, transdoni proprajn spertojn, starigi demandojn ktp. Do skribu amase!*

(fino de p. 11)

gi nian celon kaj pli amase propagandi la lingvon kaj movadon ekster la muroj de niaj societoj. Regula tutlanda gazeto povus regule informi pri la movado en- kaj eksterlande. Tia gazeto estas nepre bezonata de ĉiu esperantisto, kaj oni sciu ke multaj homoj laŭ siaj financaj rimedoj ne kapablas aboni multajn gazetojn kaj revuojn.
Davor GRGAT

# REVUO DE REVUOJ

## INTERESAJ ARTIKOLOJ EL ESPERANTO-GAZETOJ

**ESPERANTO AKTUELL**
organo de Germana E-Asocio
Multaj E-revuoj nuntempe estas produktataj per komputiloj, do ne plu kompostataj. Inter ili ankaŭ *Esperanto aktuell*. Ke tamen ne ĉiam estas facile, labori per komputilo, tion montras la enkonduko de geredaktoroj *Hedwig* kaj *Rudolf Fischer* en numero 3/1991. Ili plendas, ke „nia tekstkomputilo jam meze en la preparoj de la aprila numero kolapsis", kaj informas ke ili nun uzos alian tekstsistemon. Ili skribas: „Ni devas konfesi, ke ni ne kontentas pri ATARI. Daŭre estis problemoj kun diskedoj, kiuj ne estis legeblaj. La tekstprogramo mem foje kolapsas (ĉu efiko de viruso?). La mastrumada programo kun simbiloj (ikonoj) sur la ekrano kaj kun muso tamen ne havas la komforton de sia konkuranto DOS (eble tio dependas de la kutimo). La klavaro estas terura: se oni ne forte batas la klavojn, ili ne funkcias, tiel ke ofte mankas literoj en la teksto."
Ĉi tiu revuo (IĴ) ankaŭ estas produktita per ATARI-komputilo, kaj mi povas konsenti pri la klavaro, kvankam ili esprimis la problemon iom draste. Tamen mi neniam havis problemojn de vera kolapso. Mi ankaŭ dubas, ke DOS estas pli bona sistemo: en fakrevuoj oni informas, ke oni nun reformis ĝin por havi simile komfortan manieron kiel ATARI.
Cetere, en la sama numero oni komunikas, ke *Esperanto aktuell* nun havas eldonkvanton de 1450 ekzempleroj kaj iras al 38 aliaj landoj.

**SENNACIULO**
organo de SAT
informas en n-ro 7-8-9/1991, ke oni devas redukti la nombron de paĝoj kaj numeroj, ĉar „SAT havas financajn problemojn, kvankam la membronombro pligrandiĝas". Ĉefredaktoro *Kreŝimir Barkoviĉ* krome plendas, ke spite al ĉiunumera alvoko por kunlaboro, „la rezultato lastatempe ne estas tre bona".

**RUSLANDA ESPERANTISTO**
Sub la tradicia nomo reaperas la iam fama gazeto; la unua numero havas kvar paĝojn en formato iom malpli granda ol DIN A 4. Oni informas, ke ĝi aperos ĉiumonate. Adreso: 77 ab. ja. 67, SU-620077 Sverdlovsk.

**PENSEO**
la Monata Esp-beletra Revuo en numero 13 (julio 1991) memorigas, ke unu jaron antaŭe oni fondis ĝin. La eldonantoj estas kontentaj pri la eĥo kaj do kuraĝe daŭrigos. Adreso de la eldonanto: s-ano Lin Liyuan, n-ro 72/501, Xiatangxilu, Guandong, Guan Zhou, 510050 Ĉinio; adreso de la redaktoro: s-ano Shi Chengtai, n-ro 147, La suda str., Heilongjiang, Tai Lai, 162400 Ĉinio.

**MONATO**
internacia magazino sendependa
En pluraj numeroj aperis interesaj artikoloj pri ĵurnalismo. Ekz. en 7/91 sub titolo „Ĵurnalisto aŭ malamiko de popolo" *Ntomono Zola Zandandu* raportas pri la problemoj de ĵurnalistoj en Afriko, kie vaste ankoraŭ regas diktaturo kaj - sekve - cenzuro. En la sama numero *Seikô Yamasaki* raportas pri la grandaj japanaj ĵurnaloj. En n-ro 5/91 *Laimius Straznickas* informis pri la komencaj problemoj de gazetaro en sendependiĝanta Litovio.

**ROK-GAZET'**
Aperis (post testnumero) la unua regula numero de ĉi tiu nova *Esperanto-Rok-Fangazeto*. Kvalito kaj aspekto konsiderinde kreskis kompare al la nula numero. Adreso: EUROKKA, Esperanto-Rok-Asocio, F-31450 Donneville, Francio.

# PERSONE

**FETTES Mark**, redaktoro de *esperanto*, organo de UEA, publikigis eseon *Babilono de Eŭropo: Al unuopa Eŭropa Lingvo?*, per kiu li gajnis (en la angla versio) mil-dolaran premion *Maxwell Prize* 1990/91. Ni gratulas!

**GOLDMAN Thoma A.**, eldonanto kaj redaktoro de *Ekonomia Bulteno pri Usono*, gajnis por honora abono profesoron James TOBIN, kiu ricevis la Nobel-premion en ekonomiko 1981. La profesoro sekvis la ekzemplon de alia Nobel-premiito, prof. Jan TINBERGEN, kiu estas honora abonanto de 1989. Tobin diris al Goldman: „Mi jam aŭdis pri Esperanto, kvankam mi neniam lernis la lingvon. Mi opinias ke tiu ĉi periodaĵo estas aprobinda iniciato." La bulteno aperas regule de 1980 ĉiumonate.

**MAUL Stefan**, ĉefredaktoro de *Monato* ekde ties apero dum 12 jaroj, rezignos pri ĉi tiu posteno fine de 1991. La redaktadon transprenos teamo kun Paul PEERAERTS kiel teknika redaktoro.

**WNUK Matjaso**, pola aŭtoro, aperigis libron *Ne nur pri komunismo*. Ĝi enhavas kolekton de artikoloj kaj eseoj, precipe el *Monato*, kiujn li verkis dum la pasintaj jaroj.

# KALENDARO

**29 feb - 2 mar 92, Poprad**
Informa Fako de UEA organizas **seminarion pri informado** en Poprad, Ĉeĥoslovakio. Temoj estos: gazetaraj komunikoj, informaj ekspozicioj, informaj prelegoj, simpatiantoj de Esperanto, kiel koncepti la informan taskon kaj kiel strukturi la landan informan fakon.
Detalojn oni povas ricevi de la UEA-estrarano pri informado Ivo Durwael, je la adreso de la Centra Oficejo de UEA, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando.

